10-a jaro. — N-ro 7-8 (113-114) Julio-Aŭgusto 1924.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO

1924

10a Jaro. N-ro 7 8 (113-114) Julio-Aŭg. 1924

BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 4374

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle
Postĉeko No 399.84.



# Rezolucioj de la XVI^a Kongreso Universala en Vieno (1924)

### PRI TEKNIKAJ VORTAROJ :

La kongreso petas, koncerne la teknikaj vortaroj, la inĝenierojn kunsidontajn dum la kongreso, ke ili faru al la Akademio proponon, laŭ kiu oni alproksimiĝu al la uzado de Esperanto en la teknikaj internaciaj interrilatoj.

### PRI ORGANIZAJ DEMANDOJ :

La Deksesa Kongreso en Vieno deklaras, ke pro la definitiva ekfunkciado de la oficialaj institucioj laŭ la kontrakto de Helsinki, la decidpovo kaj la solvo de organizaj demandoj apartenas de nun al la rajtitigitaj organizaĵoj de la esperantistaro, UEA kaj Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj (K. R.), kiuj havas la devon ilin prizorgi kaj tial la kongreso rekomendas, ke oni ne plu ŝarĝu per ili la tagordon de la universalaj kongresoj.

### PRI KONSTANTA KONGRESA KOMITATO :

« La XVIa Kongreso dankas al la estintaj membroj de la Konstanta Kongresa Komitato kaj speciale al Generalo Sébert kaj al Siro Warden pro la ĉiama helpemo kaj pro la multegaj laboroj kaj tempo kiujn ili dediĉis al la afero. »

### PRI ZAMENHOFA MONUMENTO :

La XVIa Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Vieno 1924, ĉe sia tria laborkunsido aŭdis kun plezuro pri la favora decido de la Pola Registaro, cedinta al la peto de la Organiza Komitato por starigo de Monumento al D-ro Ludoviko Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, enirigi la monumenton en Polujon sen iu dogana depago. La kongreso esprimas per tiu ĉi rezolucio sian tutkoran dankon al la Pola Registaro pro la citita favoreco.

La kongreso esprimas la deziron, ke la Monumenta Komitato decidu pri la dato de la inaŭguro de l'monumento post interkonsiliĝo kun la oficialaj institucioj de la Esperanto-movado tiamaniere, ke la ceremonio okazu kun la plej diversnacia delegitaro, kiu estos ebla laŭ la cirkonstancoj.

PRI LINGVA DISCIPLINO :

« Konsiderinte, ke multaj esperantistoj ne tute konformiĝas en la praktika uzado de la lingvo Esperanto al la lingvaj opinioj de la Akademio de Esperanto kaj de la Lingva Komitato, konsiderinte, ke la ambaŭ suprecititaj institucioj estas la plej alta unika aŭtoritato de la aferoj de la lingvo Esperanto, al kiu ĉiu esperantisto devas submeti sin en la nomo de la unueco de nia lingvo havanta tiel grandegan signifon por ĝia plua disvolvo kaj propagando,

la XVIa Universala Kongreso de Esperanto turnas sin al ĉiuj esp. organizaĵoj kaj gazetoj kaj al ĉiuj individuaj esperantistoj kun la peto kaj la morala postulo, ke ili konformiĝu al la fundamento kaj al la rekomendoj de la Lingva Komitato pri aldonoj al ĝi,

esprimante la deziron ke la Akademio kiel eble plej baldaŭ plenigu la mankojn en nia vortaro sur la kampoj de moderna tekniko kaj geografio kaj ankaŭ, ke ĝi preparu liston de permeseblaj landnomoj post atenta senpartia studado de la diversaj uzataj formoj kaj post enketo ĉe la Universala Poŝta Unio. »

PRI « LITERATURA MONDO » :

« La kongreso aŭdas kun plezuro, ke la kunsido de E. L. A. decidis starigi oficialan interrilaton kun la Esperanto-gazeto « Literatura Mondo » kaj alvokas, ke tiun ĉi nuntempe solan literaturan kaj artan esperantlingvan gazeton helpu la esperantistaj verkistoj per kunverkado kaj la esperantistoj per legado kaj disvastigo. »

PRI NEŬTRALECO DE LA KONGRESOJ :

« La XVIa Universala Kongreso de Esperanto deklaras, ke pro sia regularo la kongreso neniel estas burĝa kongreso aŭ laborista sed neŭtrala kongreso de ĉiuklasaj esperantistoj. »



# Kongresaj Impresoj

Gendbrugge, la 25an de Aŭgusto 1924a.

La duan de Aŭgusto, ni kvarope forveturis el Gento, kun ĝojo en la koro, pro la belaj tagoj, kiujn ni pasigos en nia grandega familia rondo en Vieno.

La kvar gefeliĉuloj, S-ino Adan, F-ino Doutreligne, S-ro Wewer kaj mi mem, forveturis el la Sankta-Petro-Stacidomo je la kvara kaj duono, per la rapidvagonaro de Basel.

Diable ! kiel tiu limako veturas malrapide ! En Thionville la francaj doganistoj nin palpadis plenzorge, kvazaŭ ni estis, S-ro W.kaj mi, du danĝeregaj bolŝevikoj. En Basel ni alvenis je la 7.14a matene, kun unu horo da malfruiĝo. Kvankam ni tuj daŭrigis nian vojaĝon, ni eĉ ne sukcesis alveni vespere en Salzburg, kaj devis loĝi en Bischofshofen.

La 4an frumatene ni forveturis al Salzburg, kie kuniĝis diversaj diverslandaj geesperantistoj kiuj estis kore akceptitaj de la fervora delegito de U. E. A., S-ro Jozef Vogel. Alvenis ankaŭ S-ro kaj F-ino de Boes el Sint Niklaas.

Ni vizitis la belegan urbon, kaj ne necesas diri, ke ni ĉiuj estis ravitaj pro ĝia pentrinda ĉirkaŭaĵo kaj ĝiaj artplenaj konstruaĵoj.

La 6an posttagmeze ni forveturis al Vieno, kie ni alvenis je la 18a en la Okcidenta Stacidomo. S-ro Paul Butt nin kore salutis kaj kuniris kun la karavano al la kunvenejo en la granda koncertejo.

Plej granda viveco regis tie. Ni renkontis multajn gesamideanojn de la antaŭaj kongresoj kaj interkonatiĝis kun diverslandaj gefratoj. Post la ricevo de niaj kongresaj dokumentoj, ni tuj prenis la tramveturilon por iri al nia loĝejo, kiu troviĝas tute proksime de Schönbrunn, unu horon de la centro de la urbo.

La kongresa programo citis por la merkreda vespero jenon : Unua reciproka salutado de la kongresanaro, kunvenoj de C. K. kaj L. K. K , kabareda « Vesperto » en Rotgasse.

Ni vespermanĝis en la ĉirkaŭaĵo kaj frue enlitiĝis.

Jaŭdon, la 7an de Aŭgusto. La programo citas :

Naciaj kunvenoj en la Akademia Gimnazio ; kunvenoj de C. K., L. K. K. kaj K. R. ; Katolikoj, meso kaj prediko en la Minoriten-Preĝejo ; Interna malfermo de la kongresa laboro.

En granda salono kuniĝis preskaŭ la tuta kongresanaro. Neniu sciis ion pri la intencoj de la kongresa organizantaro, ĉar la anonco de tiu malfermo de la kongresa laboro estis same nekomprenebla kaj malklara, kiel la Biblio en multaj lokoj. Ĉiuj esperis ke ni estis kuniĝintaj por la solena malfermo de la kongreso,..... kia senreviĝo, kiam oni konstatis ke okazis nur ĝenerala kunveno de U. E. A., sub la prezido de S-ro Privat.

Diversaj raportoj estis legataj kaj pridiskutataj. Oni parolis pri la financa stato, la membraro, la delegitoj, la servoj, la jarlibro, la gazeto, pri Centra Oficejo, k. t. p., kaj diversaj oratoroj pledis fervore por ke ĉiu aliĝu al U. E. A.

Kvankam ni, kiel anoj de U. E. A. trovis grandan intereson en tiu solena kunsido, ni konstatis ke la du trionoj de la ĉeestantoj prave mallaŭdis la artifikon, kiu devigis la neinteresatojn aŭskulti dum horoj tiun sekan citadon de ciferoj kaj senfinan legadon de raportoj.

Detala raporto aperos certe en « Esperanto »; mi ĝin ne faros ĉi tie.

Posttagmeze okazis diversfakaj kunsidoj. Je la 15a okazis rondveturado en tramveturiloj tra la urbo, kaj vespere multaj gesamideanoj kunestis en la kabareda festo, Rotgasse.

Vendredon, la 8an de Aŭgusto.

La fakaj kunsidoj okazis kaj kunigis ĉiuj multajn gekongresanojn.

Mi ĉeestis la kunvenon de la Internacia Instruistaro. Prezidis S-ro Degen el Leipzig. Geinstruistoj el 14 diverslingvaj landoj plenigis la ĉambregon kaj en vigla diskuto realigis la organizajn laborojn, kiuj, inaŭguritaj jam antaŭ 13 jaroj estis energie daŭrigitaj.

La statuto nomas kiel bazon la celadon al paco kaj progreso, kiel celon la unuiĝon de la edukistoj en la tuta mondo, laŭ sekvantaj principoj : « Klopodado pri edukado kontraŭ milito kaj interpopola malamo, reformo de lernejoj laŭ la principoj de racio kaj humaneco. »

La ligo uzas ekskluzive Esperanton, havas centran oficejon en Leipzig, propran organon, adresaron, pedagogiajn kaj laŭraciajn literaturaĵojn, interŝanĝadon de infanoj dum la ferioj, k. t. p. La estraro konsistas el kvin membroj de diversa nacieco. La redakcian komitaton formas la germana grupo de instruistoj en Auerbach-Falkenstein. La junularan fakon prilaboras aparta Komitato.

Inter la vesperaj kunvenoj ni speciale citas tiun de la Radio-Asocio kaj tiun en kiu S-ro Buchs faris humoran lumbildparoladon pri « Maks kaj Moric ».

Ni ĝojas komuniki al niaj gelegantoj ke la starigo de Radia Stacio Esperanta estas en bona vojo. Viena societo montras sin ema por entrepreni la aferon kaj faris jam dum la kongreso mem tre sukcesintajn provojn pri la forsendo de Esperantaj komunikaĵoj. En la superplena salonego ni aŭdis salutojn kaj paroladojn en nia lingvo, kantojn kaj koncertan muzikon. Ĝi ege plaĉis al la ĉeestantaro.

Ni vizitis matene la Muzeon de Belaj Artoj kaj posttagmeze la imperiestran kastelon de Schönbrunn. La enlandanoj kaj Germanoj nur pagis 3000kronojn, dum ni devis pagi 10.000. Ĉiuj Esperantistoj plendis pro tio kaj mallaŭdis la Organizan Komitaton, kiu ne zorgis ke ili povus same ĝui pri tiu favoro.

La gvidado al la urbaj vidindaĵoj estis tute ne prizorgita. La Esperantistoj povis sencele vagadi tra la urbo, sen helpo de iu Viena gvidanto, kaj tiel nur la spertuloj sukcesis viziti la plej interesajn admirindaĵojn de Vieno.

Sabaton, la 9an de Aŭgusto :

Matene okazis ree kelkaj fakaj kunsidoj, ĉefkunveno de la K. R., inaŭguro de Zamenhofa memortabulo ĉe Hotelo Hammerhand, komuna fotografado ĉe la Urbodomo je la kvara. Ni ĵus alvenis tie, je la kvarono antaŭ la kvara, kaj.... ĉio estis jam finita. Kia bona aranĝo, ĉu ne ?

Ankaŭ okazis interkonatiĝa antaŭfesta vespero de la kongresanaro. Por facile observi tiun punkton de la programo, ni solene interkonatiĝis, kvankam ni estis jam tri tagojn kune. Oni aŭdis ĉiuflanke : « Bonan tagon, kara amiko kaj kara amikino ! Kia feliĉo vin renkonti tie ĉi ! » « Ege ĉarmas al mi fari vian konatiĝon ! »

Ĉu la Organiza Komitato plene perdis la kapon? La prudenton, mi volas diri! Neniu komprenis tiun sensencaĵon! Sed ne estas ĉio, atendu nur!

Dimanĉon, la 10an de Aŭgusto.

Tiu ĉi tago multon promesas. Mi konsultas mian programon: 1) Bahaistoj, ceremonio. Mi alvenis ĝustatempe, kaj mi esti la dua alveninto. La Bahaistoj ankoraŭ dolĉete kuŝis en la brakoj de Morfeo.

2) C. K. K.: kunsido. Laŭbezone mi ĉeestis kiel anstataŭanto de S-ro Schoofs ĉi tiun kunvenon. Oni priparolis la aranĝon de la solena kunveno, kiu devis okazi je la deka.

3) Granda solena manifestacio de la kongresanaro kun la oficiala honorgastaro, laŭ speciala programo. Pli simple dirite, tio estis la malferma kunsido de la kongreso.... aŭ malfermo solena de la jam tri tagojn malfermita kongreso.

La granda salonego estis plenplena. Ŝajnis ke el la 3000 kongresanoj neniu forrestis. Sur la balkono sidis la kara edzino de nia Majstro kun sia filino Klara. Sur la scenejo troviĝis ĉiuj eminentaj reprezentantoj, la Kongresa Komitato, la komitatanoj de U. E. A., de C. K., de K. R., kaj la naciaj delegitoj.

Akurate je la 10a la kunveno malfermiĝas. Orgenisto ludas belan muzikaĵon, kaj poste «La Espero» sonas solene en la festejo, hore kantata de Viena kantistaro, kiu ankaŭ aŭdigas alian horon. D-ro Dietterle salutas la kongresanaron kaj transdonas la novan prezidanteco al Profesoro D-ro Minibeck, kiu siavice dankas pro la honoro kaj malfermas la kunvenon. Ni ekscias ke 40 nacioj estas reprezentataj. La parolvico estas plue donita al la diversaj eminentuloj: al S-ro D-ro Seife, je la nomo de la prezidanto de Aŭstruja Respubliko, S-ro Heinz; al la Reprezentanto de la Ministro de Publika Instruado; al la Vic-Urbestro de Vieno; al D-ro Hünz, kiu parolas kelkajn vortojn en Esperanto; al S-ro Privat, kiu regalas nin per unu el siaj plej belaj paroladoj; al la Delegitoj de la naciaj registaroj, nome: al la Reprezentanto de la Pola Respubliko; al S-ro Dietterle, je la nomo de la Bavara landestraro; al la Delegito de la Hispana registaro kaj de la Ruĝa Kruco; al S-ro Isbrücker, je la nomo de la Nederlanda registaro; al la Reprezentanto de la Rumana Ministerio por Komerco kaj Industrio.

Paŭzo sekvas. Poste parolas sinsekve la delegitoj naciaj dum du minutoj. Ĉiuj diras frazon en sia propra lingvo kaj saluton en Esperanto. Kelkaj, tamen, pekas kontraŭ tiu decido kaj parolas pli longtempe, Iu el ili estas tro parolema kaj neniam scias fermi siajn kluzajn pordojn.

Je la 12a la solena festo fermiĝas. Ni estas kontentaj, ĉar nia stomako grumblas terure. Ni kuregas al la restaŭracio «Kronprinz», por kvietigi nian malsaton. Estas vera Esperantista tagmanĝo ĉar la samideanoj nin sekvas karavane!

Vespere okazis festkoncerto. Ĝi havas grandan sukceson. Ni ne forgesu diri ke ankaŭ la blinduloj havis dum la kongreso kvar sukcesintajn kunvenojn kaj koncerton. Nia kara amiko S-ro Hendricx sin ree

plene oferis por niaj plendindaj blindaj samideanoj. Ĉeestis ankaŭ la kongreson S-ro kaj S-ino Jacobs kun sia filo, kaj S-ro Swalf el Antverpeno. El nia lando venis do 11 kongresanoj.

Lundon, la 11an de Aŭgusto.

Antaŭtagmeze okazis dua ĉefkunsido de la XVIa. La salonego estas plena. Prezidas S-ro Privat. Oni parolas pri la Lingva Akademio kaj pri la eldono de vortaroj.

S-ro Edmonds prezentas raporton pri la K. R. Li diras ke ĝi estas la unua raporto kiun li povas prezenti, la antaŭa estante perdita. La K. R. kuniĝis en Genève dum Pasko, la pasintan jaron. Ĝi okupas sin nur pri aferoj de komuna intereso kaj pri la propagando de la lingvo. Ni eniras novan periodon. La subteno iĝas iom post iom pli forta ; la kotizoj naciaj estas cititaj en la kongreslibro. Ekestas diskuto pri la forigo de K. K. K., kaŭzita pro la kontrakto inter C. K. kaj K. R.

S-ro W. plendas pri la ŝanĝo de la kutima aranĝo de la kongresa laboro. Ĉiuj estas malkontentaj pro la plena renversiĝo. La provo malsukcesis, kaj ni esperas ke oni revenos al la antaŭa aranĝmaniero. La kunveno estas fermata.

Posttagmeze, pacifista manifestacio okazis kaj kunigis grandan nombron da partoprenantoj.

Vespere, koncerto de la blinduloj kaj festprezentado de « La Malŝparulo ». Ni iris al la reprezentado de « Aida », okazinta en plena aero. Ĝi estis impona.

Mia opinio estas, ke la fakaj kunsidoj kaj kongresaj laboroj estas certe tre fruktodonaj. La malbona aranĝo tamen kaŭzis grandan malkontentecon. Oni tro multe forgesas ke granda nombro da aliĝintoj al la kongresoj estas malmulte emaj sin enŝlosigi dum kvin tagoj en sufokiga ĉambreto kie regas la plej malpura atmosfero kaj kie ofte oni diskutas senfrukte pri neniaĵoj. Bonaj karavanestroj estas necesaj, kaj speciale en granda urbo kiel Vieno, kiu prezentas al la vizitantoj sian neegaleblan trezoron de artaĵoj kaj naturaj belaĵoj.

Kaj nun mi malfermas mian pluvŝirmilon por min ŝirmi kontraŭ la blasfemoj de la Organiza Komitato. Ni saltas sur la rapidvagonaron kaj flugas al Budapest. Punkto, alia linio.

LEONCO.

# Je la Honoro de niaj Esperantistinoj

## TOASTO DE S-INO ELWORTHY-POSENAER EN LA XIIIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO.

**Karaj Sinjoroj kaj Sinjorinoj,**

Mi estis iom surprizita kiam la Prezidantino de la Organiza Komitato de ĉi tiu kongreso petis min, ke mi bonvolu respondi al toasto kredeble farota al la Sinjorinoj. Mi ja supozis ke tiu honoro rajte

apartenas al ŝi, la virina animo, la ĉeflaborantino kaj lertega organizantino de nia nunjara Esperanta kunvenego.

Tamen mi tuj komprenis ke ŝi havas multajn aliajn devojn kaj honortaskojn por plenumi kaj ke ili ne ĉiuj povas ripozi sur la samaj ŝultroj. Mi estas do tute feliĉa, ke je tiu ĉi okazo ŝi bonvolis pensi al mi kvankam diversaj malfavoraj cirkonstancoj tute malebligis min en la lasta tempo, min dediĉi al la Esperanta movado.

Sed kredeble F-ino Thooris prave divenis, ke la fervoro por Esperanto en mi ne mortis nek mortos, kvankam mi nuntempe ne povas ĝin pruvi per agoj ; eble ŝi volis honori miajn grizajn harojn, kiuj, al tiuj kiuj konis min antaŭe, nur montras ke mi estas jam malnova Esperantistino. Ili ja ne estis tiaj, kiam mi eklernis Esperanton !

Ĉu grizharulino ankoraŭ rajtas preni sian parton de la komplimentoj tiel ĝentile adresitaj de S'ro Poupeye al la ĉi tiea virinaro? Sonus eble iom strange se mi nur respondus al komplimento, per komplimento, trinkante je la sano de la sinjoroj. Mi do intencas pritrakti la temon pli serioze kaj montri, ke efektive la Belgaj Esperantistinoj estas la indaj kunlaborantinoj de siaj Esperantaj fratoj. De la komenco ni vidis ilin preni sur sin parton de la laboro, kaj multaj distingiĝis en la rolo de ili plenumita.

Unue, ĉar ni estas en Bruĝo, ni nomu denove la prezidantinon de la Bruĝa Grupo Esperantista, la organizantinon de la nuna kongreso. S-roj Witteryck kaj Petiau, dum la ĝenerala kunveno hodiaŭ matene jam prave adresis al ŝi la admiron kaj la dankon de ni ĉiuj. En tiu sama urbo ni ne forgesu F-inon Ledène, kiu en jaroj pasintaj estis la tiel laborema sekretariino de la sama grupo. Ĉiu memoras kiel inde kaj sukcesplene F-no Jennen organizis la kongreson en St. Gilles-Bruselo, kaj scias kiel ŝi estas unu el la ĉefaj kondukantoj de la movado en nia Belga ĉefurbo. Respektplene kaj danke ni rememoras F-inon Moreau, unu el la unuaj pioniroj en Beljugo, la kuraĝan batalantinon kontraŭ la reformemo de la tiama prezidanto de la Belga Ligo. Ni honoru ŝian memoron kaj kun ŝia, tiun de F-ino Gunzburg, kiu multe laboris por Esperanto en Antverpeno. En la Skeldurbo ni ne forgesu la iam tiel sindoneman Sinjorinon Broymans. Malfeliĉe gravaj profesiaj devoj malhelpis ŝin ankoraŭ doni sian tempon al Esperanto.

Ĉu ne estis ĉefe dank' al F-inoj Dorsinfang, ke ni povis pasintan jaron organizi kongreson en Namur? Kiu ne scias, kiom F-ino Colyn laboris en Gent? Kiu ne admiras la junan fajron kaj fervoron, kun kiu S-ino Rustin daŭrigas la verkon de sia frato, nia bedaŭrata Ligprezidinto S-ro Amatus Vander Biest? Eble mi forgesis multajn nomojn kaj la plej modestaj laborantinoj ne estas ĉiam la malplej valoraj. Kun kiom da sindono iaj prenis sur sin malpezigi la poresperantaj laboroj de siaj edzoj? Ni nur citos S-inon Schoofs. Ni ĉiuj scias ke ŝi estas konstanta helpantino al nia senlaca propagandisto la tre okupata Direktoro de «Belga Esperantisto».

Mi mem, kompreneble ankaŭ alportis kelkajn ŝtonetojn al nia monumento, laborante laŭ mia povo, precipe per verkado. Iam mi estis kunorganizantino de Mondkongreso, kaj kvankam mia helpo ne

estis tute grava, mi povas certigi, ke mi faris ĉion kion mi povis. Mia fervoro estis ja nekontraŭstarebla incitilo kaj nun mia tre granda bedaŭro estas ke mi ne plu ĉiam povas aŭskulti la voĉon de tiu fervoro, ke, pro ŝanĝoj en miaj vivcirkonstancoj, mi devas foresti ĉe multaj Esperantaj kunvenoj kaj ne plu povas preni la plumon kiam mi ankoraŭ dezirus ĝin uzi por la bono de nia movado. Kiam inter niaj devoj estas konflikto, ni devas respondi la vokon de la plej urĝaj.

Ke la Belga virinaro, kaj fakte la virinoj en ĉiuj landoj, montras tiel grandan intereson por la movado de helplingvo internacia, tute ne estas mirige. Esperanto estas ja potenca ilo por paco kaj la virinoj ĉiam, pli ol la viroj, sin sentas altiritaj al ĉiu pacocelanta movado. Ili pli profunde ol la viroj komprenas la sencon de la vorto « Milito ». Viroj kelkfoje forgesas la terurojn de la interbuĉado, nur imagante gloron kaj aventurojn. La virinoj pensas pri la oferotoj, siaj filoj, siaj fianĉoj, fratoj. Kaj tial, ĉie en la mondo, multnombraj virinoj dediĉas sin al iu movado per kiu ili esperas forigi aŭ pli maloftigi tiun abomenaĵon, la militon ; tial ni vidas tiom da virinoj doni siajn plej bonajn fortojn al Esperanto.

Finante, mi volas, en la nomo de la ĉi tieaj Esperantistinoj, danki S-ron Poupeye pro la afablaj vortoj kiujn li ĵus al ili adresis, kaj promesi ke ili daŭrigos labori manon ĉe mano kun siaj viraj samideanoj por la certa venko de la granda verko de Zamenhof!

MARIA ELWORTHY-POSENAER.

# Belga Kroniko

Ĉar la ĵurnalo nun regule aperos, ni petas insiste la grupojn ke ili bonvolu sendi akurate, ĉiumonate, al la Liga Sekretario, S-ro Henri Petiau, informojn pri sia agado.

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ». — Tiu ĉi grupo organizis kvar kursojn en Majo, kiuj finiĝis en Aŭgusto. Du el ili estis gvidataj de S-ro Schoofs, la Prezidanto, dum la du aliajn donis S-roj De Ketelaere kaj Karnas.

Du ekskursoj estis organizitaj, la unua al Edeghem, la dua al Hove kaj Mehleno. En la unua partoprenis kvardeko da membroj, kiuj estis korege akceptitaj en la kampodomo de la familio de Fraŭlino Lacroix. Agrablege la ekskursantoj pasigis la posttagmezon en la ĝardeno de la afabla invitintino.

La ekskurso al Hove kaj Mehleno ankaŭ estis tre agrabla. Inter la partoprenintoj estis S-ro Smith, el Londonos, kaj du samideaninoj el Manila (Filipinaj Insuloj), Sinjorino F. Zamora de Garcia kaj sia fratino Fraŭlino M. P. Zamora. Ankaŭ ĉeestis la okjara filineto de la Sinjorino kaj alia fratino, neesperantistinoj. Vespere la ekskursantoj aŭskultis la sonorilarkoncerton en Mehleno.

Konkludo : du ege bone sukcesintaj ekskursoj !

Dum la monato Aŭgusto honoris la grupon, per sia ĉeesto en

kunvenoj, la fremdaj gesamideanoj kies nomoj sekvas : Sinjorino Zamora de Garcia, Fraŭlino Zamora kaj S-ro Smith, jam cititaj, Gesinjoroj Roubos, el Dordrecht (Nederlando), Gesinjoroj Kaptein, el Nederlando Hindujo, S-ro Angueloff, bulgara samideano kaj S-ro Porcsin, el Debreczen, Hungarujo. La grupo ankaŭ akceptis ses gesamideanojn el Leeds (Anglujo).

BRUĜO. — La tiea agema grupo kaptas ĉiujn okazojn por propagandi nian aferon partoprenante en ĉiuj sekvantaroj. Ĝi ĉeestis la manifestacion okaze de la enoficigo de la nova Urbestro kiu speciale dankis la prezidantinon F-inon Thooris, kaj la Sekretarion S-ron Dervaux pro ilia ĉeesto.

La grupo ankaŭ ĉeestis la sekvantaron okaze de la « Kolonia Tago ».

MEĤLENO. — La 25an de majo la grupo organizis ekskurson al Liero S-ro Leflot kore akceptis la ekskursantojn.

La 27an de julio okazis ekskurso al Emblehem.

La 1an de aŭgusto la grupo ricevis viziton de trideko da Antverpenaj gesamideanoj akompanataj de du Filipinaj samideaninoj kaj unu Angla Esperantisto.

BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — « De Schelde » (16-8) : Granda artikolo pri la Internacia kongreso en Vieno.

« De Diamantbewerker » (26-7) : informo pri la starigo de « Antverpena-Poresperanto Propaganda Komitato ».

« De Volksgazet» (14 8) : cito pri la parolado en Esperanto de S-ro Mark Starr, super la tombo de la literaturisto Pierre Broodcorens.

GENTO. — « Gazette van Gent » (4-7, 15-8) : tria kaj kvina leciono de la Esperanto kurso ; (11, 18, 25-7, 1, 8-8) : daŭrigo de la frazaro de « Touring-Club de Belgique ».

BRUSELO. — « Le Peuple » (27-7) : anonco pri la kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda ; (17-8) : raporto pri la komenco de tiu kongreso ; (15 8) : cito de la funebra parolo de S-ro M. Starr, apud la tombo de Pierre Broodcorens.

« Le Soir » (9-8) : Sub la titolo : 13 milionoj por Esperanto !.... tiu ĵurnalo anoncas, ke, laŭ gazeta informo, S-ino Dave H. Morris-Vanderbilt, sin deklaris preta por krei kapitalon de 2.500.000 dolaroj (13 milionoj da svisaj frankoj) kun la celo progresigi lingvon internacian kaj ties disvastiĝon.

Per letero al « Le Soir », kiun tiu ĉi gazeto publikigas la 11an de aŭgusto la « Ido-Kontoro » sciigas, ke nenio estas malpli certa ol la aŭgusto ke la « Ido Kontoro » sciigas, ke nenio estas malpli certa ol la bono mem de la lingvo internacia, tio ne okazos, sed ke Ido (la lingvo internacia de la Delegitaro de la lingvistoj !) estos subtenata kaj fine akceptata kiel internacia helplingvo. Laŭ tiu sama korespondanto Esperanto estas forĵetita de Francujo ; Germanujo kaj Anglujo insistas por la alpreno de Ido, tute same kiel la Eŭropaj landoj kaj Ameriko »!! Jen !! la amatoroj de fidindaj historiaj detaloj estas ĝissate servataj !

Kun la letero estis sendita al «Le Soir», laŭ la kutimo multŝatata

de la idistoj, frazo en Volapük, Esperanto, Idiom Neutral kaj Ido. Kompreneble! la frazo en la laste citita lingvo estas la plej bela, la plej harmonia. Bedaŭrinde, la gazeto mem sekvigas ĝin de jena rimarko: «Estas tre facile por tiuj kiuj scias latinan lingvon kaj ĝiajn devenantajn idiomojn; sed ni tre volonte ricevus pri tiu frazo la opinion de tiuj, kiuj parolas nur Ruse, Arabe aŭ Ĥine. Kaj ili estas kelkope sur nia planedo!»

«De Standaard» (27-7): artikolo pri la Internacia Katolika Kongeso en Lugano (15-20 Aŭg), kiu uzos Esperanton por siaj raportoj kaj diskutoj.

---

# La Fabelo de Sudventeto

Ĝi estis beleta estaĵeto. Longtempe ĝi estis dorminta, sed ian matenon la suno brilis agrable kaj ĝi pensis: Nu, nun mi iros ĉe la homojn! Kaj ĉi-tiuj diris: «Bonan tagon, sudventeto, ni estas kontentaj pro tio ke vi venis!»

Sudventeto flugis pli malproksimen, al la altaj fagoj. «Kio estas tio?», pensis la estaĵeto, «Ĉu ne unu folieto jam aperis?» Dolĉe ĝi frapetis la burĝonojn, ho tiel dolĉe! kaj ĝi murmuretis: «Verdaj folietoj tie interne, kial vi ne eliras?» — «Ni ne kuraĝas», respondis la folieto dolĉe, «Estas ankoraŭ tro malvarme!» — «Venu sentime», ĝi diris, «mi ja estas tie ĉi ankaŭ! Mi vin varmigos!» kaj tiam la verdaj folietoj ekaperis el inter la brunaj ŝeloj.

«Tio estas bona, longdormuletoj!» diris sudventeto.

«Rigardu», diris la homoj, «la fagoj ekverdiĝas!»

«Sed mi ne aŭdas unu el ili!» Jen ĝi vidas fringon; ĝi flugis al ĝi, la fringo ne foriĝis, ĉar la birdetoj ne timas sudventeton, kaj tiu-ĉi tikletis la besteton sur ĝia kapeto kaj la fringo ride ekfajfegis, kaj aliaj fringoj kaj alaŭdoj kaj paruoj aŭdis tion. Ili vidis la fringeton kaj ankaŭ ekfajfegis tiel ke ilia fajfado resonis tra la altaj arboj.

Nun sudventeto alflugis herbejen. Tie elkreskis jam kelkaj lekantetoj kvazaŭ beletaj steletoj.

Iel Sudventeto opiniis ke multe pli da floroj devis elkreski kaj ĝi tuŝetis sur la verda herbo kaj tie kie ĝi estis metinta siajn piedetojn la herbo fariĝis pli verda kaj belaj floretoj ekrigardis scivole supren! Ili ja volis vidi tiun kiu tiel ĝoje trapaŝis! Kaj nun, ekstere ĉio fariĝis bela kaj gaja! Tion-ĉi estis farinta la beleta estaĵeto Sudventeto kaj la suno gaje rigardadis malsupren kaj alridetis ĝin ĝoje kaj la homoj diris: «Sudventeto, ni dankas vin!»

Tradukis el la Nederlanda lingvo.

L. COGEN.

El «Van April tot October», een leesboekje door K. J. K. Geerlings.

# Pri Blinduloj kaj Blindulaferoj

## RAPORTO LEGITA EN LA XIIIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

Tre estimat'aj samideanoj,

Mi profitas afablan permeson, kiun donis al mi la organïza komitato de nia kongreso, por rakonti al vi dum kelkaj minutoj pri blinduloj kaj blindulaferoj.

La demando fariĝis tiom grava, ke tuta biblioteko jam estus necesa por ĝin pritrakti. Mi do kontentiĝos ektuŝante nur la, laŭ mi, plej interesan parton de la demando : la industrian kaj komercan uzeblecon de la blinduloj.

Sed jen, mi jam vidas viajn ne kredemajn mienojn, kaj kelkaj enkondukaj vortoj do ne estas troaj.

Bedaŭrinde estas, ke persono perdinta la vidpovon, estas ĝenerale konsiderata kiel neu'ila kunvivulo. Nenio tamen estas malpli prava. Ĉar de post ke Valentin Haüy dum 1784 ekprovis la unuan edukadon de kelkaj blinduloj, la metodoj senhalte progresis.

Vi konas la Braille' an punktoskribon, vi scias; ke blinduloj kapablas fabriki brosojn, plekti korbojn, seĝojn, ke estas multaj spertaj muzikistoj inter ili. Pri ĉio ĉi tio mi ne povas insisti nun, sed volonte donos pliajn detalojn dum ekskurso aŭ libera momento.

Estas tamen bedaŭrinde, ke ĉi tiuj okupadoj fariĝas monotonaj kaj ne sufiĉe distras la spiriton ĉiam penseman de blindulo.

Ili ankaŭ ne estas jam sufiĉe profitdonaj.

Oni do neniam haltis la serĉadon pri novaj interesaj okupoj por blinduloj sed malfeliĉe jen kontraŭ ĉiuj laŭdindaj penadoj sin strečis preskaŭ ĉiam la grava malamiko de la progreso : la antaŭjuĝo, antaŭjuĝo kiu ankoraŭ estas pli grava rilate al blindulafero.

Tamen en kelkaj landoj oni jam provis noti la enradikiĝon de progresemaj ideoj, de emancipaj principoj, rilate al blindulscienco, kaj blindullaboro.

Sed jen okazis la milito. Kaj, krom siaj sennombraj malhumanaj teruraĵoj, ĝi ankaŭ tre konsiderinde pligrandigis la nombron de mïzeruloj. La militblinduloj devigis la diversajn koncernatajn registarojn sin okupi pli serioze pri tiuj 100 % invalidoj, kaj tiamaniere la blindulafero faris ja en kelkaj landoj gravan paŝon antaŭen. Ni tamen ne povas forgesi ke ankaŭ la speciale spirita stato de la militblindulo trafita subite je plej terura sorto, en plena disvolviĝo de sia vivoforto, estigis multajn malfacilaĵojn.

Tamen la internacia Ekspozicio pri la laboroj de militinvalidoj, okazinta en Gent dum printempo de pasinta jaro, montris al ni kelkajn interesajn novaĵojn, kaj estas ĉi tiu kiun mi deziras preni je la bazo de mia nuna raporto.

La disvolviĝo de la blindulaj kapablecoj estas direktita duflanke, ĉu je liberaj okupadoj, ĉu je manlaboroj.

Inter la unua serio ni devas noti la praktikadon de la skribmaŝino, kiun la blindulo povas uzi same kiel vidulo, sen ia maŝina ŝanĝo. Kaj

ĉar vi scias ke blinduloj posedas skribsistemon propran, vi ne plu miros se mi diros ke multaj blinduloj sukcese ekzercas la profesion de stenomaŝinskribistoj, eĉ en gravaj firmoj. Tiel funkcias nia militblindulo Paul Nuyens en grava London 'a firmao.

Al ĉi tiu oficeja laboro sin proksimiĝas la prizorgo de telefonaparatoj en centrejoj aŭ en privataj oficejoj. La Ekspozicio ankaŭ posedis sian telefonan servon internan ligitan kun la ekstero, kaj prizorgantan 14 aparatojn. Nia oficisto estis itala militblindulo.

Ĉiam eltroveme, franca inĝeniero militblindulo S-ro Biquet, sukcesis dank' al elektra aranĝo, kunligi ordinaran skribmaŝinon kun Braille- alfabeto, skribi punktskribe.

Ankaŭ eksperimentoj estis faritaj per la optofono, aparato kiu per genia kombinaĵo aliformigas la nigre presitajn literojn, moviĝantajn sub lia « okulo », en sonoharmonioj, tiel ebligante ke blindulo legu nigrepresitajn ĵurnalojn aŭ librojn laŭ sonmelodioj. Sed jam nun okazis pli grava progreso: lastatempe mi rilatiĝis kun eltrovisto, kiu solvis jenan problemon: aparato, kiu legas nigrepresitajn tekstojn laŭ litersonoj, kvazaŭ per homa voĉo. La eltrovisto nun serĉas kapitalon por pliperfektigi sian eltrovon, kaj mi volonte donos pliajn informojn al ĉiuj interesatoj.

Krom tio, la intelekta parto de la blindulsekcio de la Ekspozicio, enhavis evidente aron da dokumentoj kaj tutan serion da materialo, eblígantajn la pristudon de la modernaj edukadmetodoj por blinduloj.

La manlabora parto certe ne estis malpli interesa, kaj certe pli brua ĉar estis kvazaŭ vera angulo de industria entrepreno.

Unue Gentaj brosistoj ekzercadis sian metion kaj vendis siajn senriproĉajn produktaĵojn, dum Italaj trikistoj fabrikis diversajn vestaĵojn eĉ interplektante la kolorojn.

Inter tri aliaj Italaj militblinduloj estis eĉ ĉarpentisto, alia mekanikisto kaj la tria tapiŝisto.

Sed jen, mi volas nun speciale insisti pri la budo de la Thomson Houston firmo en Neuilly (Francujo) kie kelkaj francaj blinduloj laboris per maŝinoj de samkompania firmo el Gent ; la maŝinoj, kutime prizorgataj de viduloj, ne estis ŝanĝataj por la blindula uzo.

Ordinare, parolante pri blindulo, oni sin prezentas almozulon aŭ almenaŭ iun ne kapablan perlabori sian vivnutron.

Tamen la provoj faritaj en kelkaj nacioj per la uzado de blinduloj en industrio, pruvas tre bone, ke tie kuŝas la estonta solvo de la blinduldemando.

Unuflanke la industria aranĝo de ĉiuj metioj malebligas la konkurencon de niaj blindaj brosistoj kaj plektistoj.

Aliflanke, la tekniko de la moderna produktado tiom reduktas la fabrikadon je serio da simplaj aparataj prilaboraĵoj, ke oni facile povas konfidi la prizorgon de kelkaj maŝinoj al la blindula mano. Eĉ pli, mi mem vidis maŝinon, kiu, malgraŭ sia kvarobla uzo, estas multe pli akurate uzata de blindulo ol de vidulo, ĉar la unua tute ne estas distrita de sia laboro per ĉirkaŭantaj vidaĵoj, kaj koncentras sian tutan spiriton kaj direktas ĝin al la efektivigotaj laboroj. Estas vere be-

daŭrinde, ke estis neeble pro lokaj cirkonstancoj vidigi al vi ĉion ĉi tio per lumbildoj aŭ kinematografan filmon, ĉar moviĝanta bildo estas pli elokventa ol mia senviva klarigado. Sed mi restas je dispono de vi ĉiuj por doni laŭ-okaze paroladojn ilustritajn pri tiu interesega uzo de blinduloj en industrio.

Mi fine volas ankoraŭ citi, ke en nia sekcio, ni posedis du gravajn maloftaĵojn, pruvante ke plej ofte ne estas la malkapableco de la blindulo kiu malebligas sian utilan vivon sed nur la ĉirkaŭantaj cirkonstancoj.

Unue, Cehoslovaka blinda junulo, kiu per sia persistemo sukcesis fariĝi sperta elektrikisto, metallaboristo kaj eĉ eltrovinto. Due, nia Genta Gustaaf Van Moerkercke, kiu ankaŭ kreis al si sendependan situacion per hejma industrio, la mustardfabrikado. Por ĉi tiu lasta mi volonte ekligus rilatojn kun interesatoj, kiuj dezirus organizi la disvendon de lia mustardo en sia reciproka regiono.

Multajn aliajn interesaĵojn povus mi rakonti pri la blindula sekcio de la Ekspozicio, sed mankos tempo.

Restas nun fine la komerco, kiu ankaŭ malfermos siajn pordojn al niaj blindaj laboremuloj. Sed ree en ĉi tiu kampo regas majeste la antaŭjuĝo, kaj certe estos preskaŭ neeble por izolaj blinduloj, venki tiujn antaŭjuĝojn Tial iniciatema blindulo ekkaptis la ideon organizi la fortojn, centrigi la penadojn por sukcesigi blindulojn en la komerca reprezentanta sfero. Ni intencas ektrakti kun grandoj firmoj por havigi interesajn reprezentadojn pri facile vendeblaj artikloj, kaj konfidi tiun vendadon al energiaj senviduloj, kiuj, (laŭ sperto farita de nia amiko De Buck, kiu sin okupas jam pri kaforeprezentado), ne devas timi krei al si sendependecon per intereesa kaj morale fortiga okupo.

Volonte mi estas je dispono de personoj, kiuj dezirus nin helpi, por organizi poroladojn kun filmoprezentado en ĉiuj regionoj de la lando por diskonigi nian celon.

Esperante ke mi sukcesis iomete forpuŝi la antaŭjuĝan vualon, kiu ĉirkaŭas blindulojn, kaj esperante plie ke inter vi ni trovos kelkajn amikojn kiuj emos helpi iom ĉe nia emancipa laboro por la blinduloj, mi sincere vin dankas pro via atentema aŭskultado, kaj restas je via dispono por pliaj klarigoj.

Almozoj ne plu helpas blindulojn, helpu ilin havigi al si sendependan lokon en la socio! V. HENDRICX.

Dankeme mi atestas ke la sukcesa forlotumado, kiu fermis nian XIIIan Belgan Kongreson, donis 6.50 f. kiel kvitancite en la rubriko por E. L.

Redankante sincere la geaŭskultantojn de la ĝenerala kunveno, mi sciigas, ke mi volonte akceptos mendojn pri la kliŝoj, la poŝtkartoj.

1 serio da 10 pk. pri blindulaj laboroj : 1,25 f. ; 1 alfabeto : 0,30 f.

Prospektoj pri blindulhelpo senpage.

Je dispono por klarigoj kaj aranĝo de paroladoj,

via servema

HENDRICX VICTOR

Rue de Roosendaal, 148, Forest-Bruxelles.

# STRANGAJ IMPRESOJ

(Fantazio)

Ĉu estas necese esprimi al vi mian ĝojon, trovante min denove inter vi, karaj gesamideanoj, post tia longa foresto?

Mi returnis naskiĝ-urben kiel maljuna ĉevalo vesperen trotadas hejmen, deziregante ĝian stalon, aŭ pli poezie, kiel hirundo en la bela sezono. Ĉar estas printempo, estas somero tie ĉi. Vi ĉiuj konis la akran, mordantan malvarmon de l'vintro, miaj gefratoj, sed per via varmiganta kredo, via miraklofara ago vi verdigis ĉion! Verdeco estas vivo!...

Jam en la stacidomo mi ekmiregis. Kiam mi turnis min al oficisto, li min ne komprenis, ridaĉis verde kaj levis la ŝultrojn kompateme. Antaŭ la domo, gazetportistoj laŭte kriis Esperante: Legu la Gazeton de Antverpeno! Legu la teruran mortigon en la Verdpantalona strato! Esperanto Triumf-Inta! La Eksterma Ideo! La Vespero por morgaŭ!» kiel litanion. Mi pensisi revi. Ĉu tuta Antverpeno estis do esperantigita? Mi baldaŭ devus kredi tion. La surskriboj de hoteloj kaj kafejoj estis ĉiuj en Esperanto, escepte du aŭ tri ekzemple «La blua Okulo» en franca, kaj «La ruĝa Nazo» en flandra lingvo — kaj mi rimarkis, ke ili estis gardataj de policistoj verdvestitaj. Sur la Zamenhofa Bulvardo mi rimarkis surskribon: «En la Vangharoj de nia Majstro» kaj kafejon kun verdpentrita leono, maldika, longa leono, tute verda, escepte la vosto, kiu mankis. En mia juneco mi sekvis kurson de la internacia lingvo en dek lecionoj, sed ĉar mi certe bezonis kvar- aŭ kvindek lecionoj por enprofundiĝi tiun facillerneblan lingvon, kaj ankaŭ ĉar mi ĉiam enpoŝigis mian manon ĉnstataŭ levi ĝin, kiam gravega laborego devis esti farata, mi ne rememoris pli ol 2 vortojn: «jes» kaj «ne». Tuj mi aĉetis ĉe kiosko gazeton kaj la Fundamenton de Zamenhof, la lastan por 3 centimoj, randorumite. Mi sidiĝis antaŭ kafejo sur estrado, kaj tre rapide ripetis la gramatikon, kaj havis la plezuron komprenigi min tuj de l'kelnero. En la gazeto, presita sur verda papero, mi legis kun intereso sekvantajn novaĵetojn: «Starigo de la Esperanta universitato de Patagonujo»; «Profesoro Malido konstatas ke la franca kaj nederlanda lingvoj estas nur konataj de kelkaj junaj infanistinoj kaj maljunaj akuŝistinoj, ankaŭ de kelkaj arkeologoj»; «Ge-soj JO havas la honoron kaj la plezuron sciigi la naskiĝon de junulineto Esperantista: ŝia unua vorto estis: samideano!» «Nova eldono de l'vade mecum de l'Esperantisto: Bonan tagon, S", kiel vi fartas? Bone, mi dankas, kaj vi? Ankaŭ bone? «Sinjoro kun verda steleto sur baskoj de sia vesto, promenos morgaŭ sur la bird-foiro. Ĉiu, kiu ekhaltos lin fariĝos membro de l'akademio»; «La pulĉinela kelo estas aĉetita de S° VOSO je nomo de l'Esperantistaro Antverpena.» k. t. p.

En tiu momento aperis sur bulvardo aro da soldatoj (mi pensis ke ili estas soldatoj). Ili portis flagon kun verda stelo kaj estis komandataj de persono kiun mi rekonis kiel S-ro KO. Li portis forkon kiel Dio Neptuno.

Samtempe pasis nigra S-ro, kaj la pasantoj levis la ĉapon por li. Sinjorinoj kun verdaj ĉapeloj kaj samkoloraj sunombreloj klinis la kapon. Ĉu tiu S-ro estas la urbestro?» mi demandis al kelnero. «Tute

ne», li respondis respekte, «estas la prezidanto de la «Verda Ŝtelo». La soldatoj ekhaltis subite, movis la standardon kaj ekkantis «La Esperon». Blanka de animpremado, la kelnero klarigis al mi, ke dank' al la komuna internacia lingvo, la homoj komprenis unu la alian pli bone; l'armeo ne estis pli ol aro da propagandistoj, pioniroj de la lingvo, kapablaj (se milito ankoraŭ povus ekzisti), instrui la Fundamenton al iliaj t. n. malamikoj, kaj ankaŭ la vortojn kaj muzikon de la Esperanta himno, por ke oni atingu la «sanktan harmonion». Mi aŭdis la Ŝtelan prezidanton kun grava mieno, fari paroladeton, dum la tramoj, aŭtomobiloj kaj motorcikloj haltis kaj policistoj tenis la popolon sur respekta interspaco. Oni povis promeni sur la kapoj kaj oni aŭdis frapeti la horloĝojn en la veŝtpoŝetoj. «Gesamideanoj», li diris metante paroltubon al buŝo, «venu ĉiuj al novaj kursoj, kiuj komencos sekvontan mardon! Mi estas dirinta.» Dum tondraj aplaŭdoj eksonis, DEKOK-fraŭlinoj armataj de monskatoloj malaperis en popolamason Kelkaj sinjoroj, kiuj akompanis la parolanton kaj kiuj havis steleton arte brodita en kruco de l' pantalono, metis lin sur siaj ŝultroj kaj foriris. La soldatoj genufleksis, ankaŭ multaj el la aŭdantaro kaj mi aŭdis sanktan krion:

« Granda estas nia Majstro
Kaj la Ver-Ŝtelanoj estas liaj profetoj. »

De suprizo mi forgesis preskaŭ pagi mian glason da biero (estis biero kun verdsimila koloro). En la strato la pasantoj, ĉiuj ornamitaj de granda stelo, ekrigardis malkonfide mian virgan butontruon. Kelkaj el ili havis steletojn tatuitajn sur la vangoj. Mi estis feliĉa trovi sur birdfoiro insigno/vendejojn. Mi aĉetis minimumon: dekdu. En tiu verda orgio mi, malnova admiranto de la purigadservo, pripensis la mirindan fakton, ke mi vidis nenie la konatan verdan veturilaron kaj tamen... aŭ tial malpuraĵo aŭ polvo ne ŝajnis plu ekzisti. Mi klarigis fine la aferon tiamaniere: per la puriĝo de la ideoj kaj de la vivo, la homoj iĝis tiel idealaj kaj eteraj ke materiala deĵetaĵo ne povas plu ekzisti. La puriĝo de la homoj! Ĉu vi volas ekzemplon? Aŭskultu! Du vendistinoj sin troŝarĝis je afablegaĵoj. Iliaj virinaj langoj tremetis flame kaj kvar harpingloj serĉis kvar okulojn. Paca policano alvenis kaj deklamis simple: «Sur neŭtrala lingva fundamento virinoj faras en konsento unu grandan rondon familian», kaj, ho! mirindaĵo! la neŭtralaj vortoj de la neŭtrala lingvo neŭtraligis (mi ne diras neŭtraligadis) la virinajn langojn. Virinojn eksilentigi! La mirego ne povis plu kreski en mi; mi estis preta akcepti ĉion.

Pripensante tion, melodiaj sonoj frapis miajn orelojn: sur kafeja stablo staris straba homo, ludanta violonon. Alia ludis harmoniumon, kaj ĉarma verdhara soprano kantis belsonajn kantojn. Amaso da kunkantantoj ĉirkaŭis ilin kaj kantis «Krambambuli» kun vera sentado kaj falsaj voĉoj kaj lumantaj okuloj kaj piaj buŝoj, kiel la anĝeloj de l'Dia Ŝafido de Van Eyck. La harmoniumisto... Sed mi rekonis lin je lia Pallieter'a kapo! Estas malnova amiko VOSO. Ha! li ekkriis' «venu tuj al sabata kunveno de la Vera Ŝtelo. Vi miregos!»

Post duono da momento mi faris teatran eniron en mezo de kvazaŭ kvincent da gever-ŝtelanoj. Vole aŭ nevole, oni devigis min paroli, kaj

la plej strangajn impresojn, kiel torenton mi fluigis sur iliajn kapojn. Mi miris de l'sukceso de mia orakolo. Iliaj «Esperantaj» interparoladoj tuj ĉesiĝis.

Kiam mi diris :

« Vi ĉiuj konis la akran mordantan malvarmon de l'vintro, miaj gefratoj, sed per via varmiganta kredo, via miraklofara ago vi verdigis ĉion. Verdeco estas vivo!» Mi ŝajnis ebria de gloro. Centon da plor-malsekiĝintaj verdaj poŝtukoj ĉirkaŭprenis min. Mi preskaŭ sufokis dum mi aŭdis malklare sonorilaron kantantan.

« En la mondon venis nova sento... » kaj mi maldormiĝis. Mia vekilo estis dancanta kun diabla tumulto sur telero...

H. V.

# Gratuloj

S-ro A. J. WITTERYCK, Prezidanto de nia Belga Ligo Esperantista, estas nomita Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo IIa. — Sen iu dubo ni estas la interpretantoj de ĉiuj belgaj Esperantistoj, gratulante nian altŝatatan samideanon.

S-ro Witteryck estas malnova Volapükisto aliĝinta al Esperanto tuj kiam li eksciis detalojn pri nia lingvo. Li starigis la Bruĝan Grupon, la unuan en Belgujo, kaj li restadis fidela kontraŭ reformemaj projektoj de kelkaj gvidantoj de nia Ligo, dum la kriza periodo, kiun naskis la kunmentintoj de Ido. Post la solvo de tiu krizo li iĝis Vicprezidanto de la Ligo kaj je la morto de nia karmemora Amatus Van der Biest, la belgaj samideanoj konfidis al li la plej altan funkcion, la prezidantecon de nia nacia societo. Li ankaŭ estas de multaj jaroj ano de la Lingva Komitato. — S-ro Witteryck estas inter la unuaj eldonistoj de Esperantaj revuoj kaj libroj : el lia eldonejo venas i. a. la antaŭaj revuoj « Belga Sonorilo » kaj « Tra la Mondo », kaj la libroj «Tra Mez-Afriko», «Paĝoj el la Flandra Literaturo», «Blinda Rozo», «Esperanto in Tien Lessen»; krom tio li eldonis multajn pedagogiajn kaj lernejajn verkojn en nacia lingvo.

Kiam la Esperanta movado en Belgujo bezonis helpon kaj apogon ĝi ĉiam (eĉ en la plej malbonaj por li tempoj) trovis preta nian bonan kaj respektatan amikon Witteryck, kiu plene meritas la honorigon, kiun la Belga Registaro dediĉis al li.

---

Ni ankaŭ kun ĝojo ekscias, ke nia samideano OSCAR VAN SCHOOR estas nomita Kavaliro en la Kronordeno. Li akceptu niajn plej sincerajn gratulojn pro tiu honorigo. Ankaŭ li estis Volapükisto kaj li iĝis Esperantisto antaŭ 27 jaroj. — Li sin okupadas je multaj kulturaj movadoj sed precipe kaptas lian tempon la studado rilate farmacia arto kaj folkloro, ankaŭ en la Esperanta movado li ĉiam estis plej agema. De multaj jaroj li estas prezidanto de la « Antverpena

Grupo Esperantista »; antaŭ la milito li plenumis la funkcion de kasisto de Belga Ligo Esperantista, kaj tiun de ĉefredaktoro de « Belga Esperantisto»; en la organiza komitato de la 7a Internacia Kongreso de Esperanto (Antverpeno 1911) li estis vicprezidanto.

S ro Oscar Van Schoor tradukis en Esperanton multajn literaturaĵojn, inter kiuj ni precipe citas «Formortinta Delsuno», kaj li sin okupis je verkado de originalaj monologoj kaj je la traduko de kelkaj konataj flandraj kantoj, kiuj gajigas ankoraŭ nun la kunvenojn de niaj grupoj.

---

Jaŭdon, la 31an de Julio, geedziĝis en Gento S-ro VICTOR HENDRICX, nia bonega samideano kiu sin okupas multe kaj sindone pri la porblindulaj aferoj, kaj F-ino Yvonne Colyn, la plej juna fratino de la bonekonata fraŭlino Eug. Colyn, la animantino de la Esperanta movado en Gento. Ambaŭ junaj geedzoj estas membroj de la Genta Esperanto-Klubo « La Progreso ». B. E. gratulas tutkore tiujn novajn Esperantistajn geedzojn kaj deziras al ili longan kaj feliĉan kunvivadon.

# Nekrologo

La « Bruĝa Grupo Esperantista » estas denove trafita per perdo de unu el siaj membroj, S-ro Henri J. C. Rousseeuw, apenaŭ 27-jara. Al la familio de nia mortinta samideano kaj al la grupo B. E. prezentas siajn sincerajn kondolencojn.

# Esperanto kaj Radiofonio

En Februaro, la AMERICAN RADIO RELAY LEAGUE, la plej granda amatora radio organizaĵo en la mondo, kiu sin interesis pri la internacia lingva demando, dissendis inter la naciaj radio-societoj cirkuleron pri tiu demando, en kiu ĝi rekomendis la adopton de alia lingvo krom Esperanto kaj petis opiniojn de la koncernaj societoj. Tamen, antaŭ ol decidi, ĝi deziris scii, kiel la diversaj internaciaj lingvoj estas disvastigitaj tra la mondo.

La A. R. R. L. ricevis centojn da leteroj el ĉiu parto de la mondo pri Esperanto, multaj de personoj kun grava publika ofico. Krom tio, preskaŭ ĉiu nacia radio societo, kiu respondis al la peto de la A. R. R. L., subtenis Esperanton, kaj neniu subtenis alian artefaritan lingvon.

La rezulto estis senduba ; la Ligo venis al la definitiva konkludo, ke ĝi tute ne povas rekomendi alian lingvon krom Esperanton por radio.

# Rakonto

Densnigraj nubegoj forflugas konstante ;
Kaj pluvo, tuŝanta senvivajn foliojn,
Murmuras dolĉege en paca naturo,
Kantadas senĉese plendetmelodiojn.

Sed jen en profundo aŭdiĝas bruego,
La branĉoj rompiĝas, blovadas la vento ;
Giganto rampadas sur pinton de l'monto ;
Kaj for estas ĉarm' de natura silento.

Kun ĝojo en koro, la estro de l'mondo,
Simila al reĝo, rigardas en valon,
En kiu neniu al li kontraŭstaras,
Nur time evitas kun li la batalon.

Sed, neatendite, la sunradietoj
Traboras vualon de nuboj mortgrizaj,
Kaj sendas volupte la varman animan
Naskiĝon al tero kaj homoj surprizaj.

Ridante dolĉege la tero revivas,
Kaj ĉio kantadas sur kampo kaj vojo.
Folioj forĵetas la lastajn akverojn,
Similajn al larmogutetoj de ĝojo.

Saŭmante kolera giganto, sur monto,
Ĉielen rigardas al forta la suno.
Sed, kio ? La estroj al li kontraŭstaras ?
Ventego anoncas teruron de l'puno.

La suno, konstante radias pli varme.
Grandul' furioze forrompas rokŝtonon,
Sur ŝultron ĝin svingas, kaj tiam, per forto
Ĝin ĵetas malsupren en valregionon.

Ridegas la suno pri tiu ofendo.
Malsupren reiras, kun honto senfina
Al suno, al valo, al tuta homaro,
En nigra arbaro, la reĝo obstina.

Kolonjo, la 15-11 23. JUUL KARNAS

# La Kapricoj de Mariano

ALFRED DE MUSSET

(Daŭrigo)

SESA SCENO.

OKTAVO, sole.

Vere ! vere ! ŝi havas belajn okulojn ! Ha ! jen Klaŭdio ! Tute ne estas la sama afero, kaj mi tute ne ŝatas daŭrigi al interparoladon kun li.

SEPA SCENO.

TIBIA, KLAŬDIO, OKTAVO.

KLAŬDIO, al Tibia. — Vi pravas....

OKTAVO, al Klaŭdio. — Bonan vesperon, kuzo.

KLAŬDIO. — Bonan vesperon. (Al Tibia). Vi pravas.

OKTAVO. — Kuzo, bonan vesperon.

KLAŬDIO. — Bonan vesperon, bonan vesperon.

OKA SCENO.

TIBIA, KLAŬDIO.

KLAŬDIO. — Vi pravas, kaj mia edzino estas ĉasta trezoro. Kion mi plie diros ? estas fortika virto.

TIBIA. — Ĉu vi kredas, sinjoro?

KLAŬDIO. — Ĉu ŝi povas malebligi ke oni kantu sub ŝiaj fenestroj? La malpaciencaj signoj, kiujn ŝi hejme kelkfoje montras, estas sekvoj de ŝia karaktero. Ĉu vi rimarkis ke ŝia patrino, kiam mi ektuŝis tiun aferon, subite same opiniis kiel mi?

TIBIA. — Rilate je kio?

KLAŬDIO. — Rilate je la kantado sub ŝiaj fenestroj.

TIBIA. — Kantado ne estas malbonaĵo ; mi mem kantetas ĉiam.

KLAŬDIO. — Sed bona kantado estas malfacila.

TIBIA. — Malfacila por vi kaj por mi kiuj, ne ricevintaj voĉon de la naturo, neniam kulturis ĝin; sed rigardu kiel tiuj teatraj aktoroj lerte elturniĝas.

KLAŬDIO. — Tiuj homoj pasigas sian vivon sur la scenejo.

TIBIA. — Kiom, laŭ via opinio, oni pagas al ili jare...

KLAŬDIO. — Al kiu? al konsilisto?

TIBIA. — Ne, al kantisto.

KLAŬDIO. — Mi nenion scias pri tio.... Oni donas al konsilisto la trionon de tio kion valoras mia ofico ; la ĉefkonsilistoj havas la duoblon.

TIBIA. — Se mi estus urbestro ĉe ni, se mi estus edziĝinta kaj se mia edzino havus amantojn, mi mem kondamnus ilin.

KLAŬDIO. — Je kiom da jaroj da galero?

TIBIA. — Je mortpuno. Mortverdikto estas io belega por laŭte legi.

KLAŬDIO. — Ne estas la urbestro kiu legas ĝin ; estas la juĝoregistristo.

TIBIA. — La registristo de via juĝejo havas edzinon.

KLAŬDIO. — Ne, estas la prezidanto kiu havas belan edzinon. Mi hieraŭ tagmanĝis kun ili.

TIBIA. — La registristo ankaŭ! La glavisto kiu venos ĉi tiun vesperon estas la amanto de la edzino de la registristo.

KLAŬDIO. — Kiu glavisto?

TIBIA. — Tiu, kiun vi mendis.

KLAŬDIO. — Estas senutile ke li venu, post tio kion mi antaŭe diris al vi.

TIBIA. — Pri kio?

KLAŬDIO. — Pri mia edzino.

TIBIA. — Jen ŝi mem venas.

NAŬA SCENO

TIBIA, MARIANO, KLAŬDIO.

MARIANO. — Ĉu vi, scias kio okazas al mi dum vi vagas tra la kampoj? Mi ricevis la viziton de via kuzo.

KLAŬDIO. — Kiu tiu povas esti? Nomu lin per lia nomo.

MARIANO. — Oktavo, kiu faris al mi aman deklaracion en la nomo de sia amiko Ĉelio. Kiu estas tiu Ĉelio? Ĉu vi konas tiun viron? Zorgu bone ke nek li nek Oktavo metu la piedojn en nian domon.

KLAŬDIO. — Mi konas lin; estas la filo de Hermia, nia najbarino. Kion vi respondis al tio?

MARIANO. — Ne temas nun pri tio kion mi respondis. Ĉu vi komprenis kion mi diris? Ordonu al viaj servistoj, ke ili enirigu nek tiun viron nek lian amikon. Mi antaŭvidas ian entrudon iliaflanke, kaj ne plaĉas al mi eviti ĝin.

DEKA SCENO.

TIBIA, KLAŬDIO.

KLAŬDIO. — Kion vi pensas pri ĉi tiu okazintaĵo, Tibia? Tio kaŝas iun ruzon.

TIBIA. — Ĉu vi kredas, sinjoro?

KLAŬDIO. — Kial ŝi ne volis diri kion ŝi respondis? La deklaracio estas ja maldeca, sed la respondo indas esti konata. Mi suspektas ke tiu filo de Hermia estas la ordonanto de ĉiuj tiuj gitaroj.

TIBIA. — Malpermesi la eniron en vian domon al ambaŭ tiuj viroj estas bonega rimedo por forpeli ilin.

KLAŬDIO. — Konfidu je mi. — Estos necese ke mi sciigu tiun novaĵon al mia bopatrino.

TIBIA. — Sinjoro, jen ŝi ĵus alvenas.

KLAŬDIO. — Kiu? Ĉu mia bopatrino?

TIBIA. — Ne, Hermia, via kuzino. Ĉu vi antaŭe ne parolis pri ŝi?

KLAŬDIO. — Jes, mi diris ke ŝi estas la patrino de tiu Ĉelio, kaj tio estas la vero, Tibia.

TIBIA. — Nu! sinjoro, ŝi venas ĉi tien kun unu, du kaj tri lakeoj, estas respektinda virino.

KLAŬDIO. — Jes, ŝiaj bienoj estas grandegaj.

TIBIA. — Ŝi ankaŭ estas bonmora. Se vi alparolus ŝin, sinjoro?

KLAŬDIO. — Ĉu vi pensas pri tio? La patrino de junulo kiun mi estos eble devigata ponarde mortigigi ĉi tiun vesperon mem! Lia propra patrino, Tibia! Fi do! mi ne rekonas jen vian kutiman decemon. Venu, Tibia, ni reeniru en la domon.

## DEKUNUA SCENO

MALVOLIO, HERMIA, du Servistoj.

HERMIA. — Ĉu oni faris kion mi ordonis? Ĉu oni diris al la muzikistoj ke ili venu?

MALVOLIO. — Jes, sinjorino, ili estos ĉi tiun vesperon je via dispono, aŭ por pli bone diri...

HERMIA. — Kion ankoraŭ? Ĉu oni preparis ĉion laŭ mia ordono por la vespermanĝo? Vi diros al mia filo ke mi bedaŭras ke mi ne vidis lin. — Je kioma horo li foriris?

MALVOLO. — Por foriri, oni devas antaŭe hejmenveni. Li pasigis la nokton ekstere.

HERMIA. — Vi ne scias, kion vi diras. — Li hieraŭ vespermanĝis kun mi, kaj min rekondukis hejmen. Ĉu oni portigis en la studĉambron la pentraĵon kiun mi aĉetis ĉi tiun matenon?

MALVOLIO. — Se lia patro vivus ankoraŭ, tio ne okazus.

HERMIA. — Sed dum lia patrino vivas, estas tiel, Malvolio. Kiu komisiis vin por observi pri lia konduto? Memoru: ke Ĉelio ne renkontu sur sia vojo malbonintencan vizaĝon; ke li ne aŭdu grumbli vin tiel inter viaj dentoj, aŭ je l'ĉielo! neniu el vi trapasos la nokton sub sia tegmento.

MALVOLIO. — Mi ne grumblas, mia vizaĝo ne estas malbona konjekto. Vi demandas min je kioma horo foriris mia mastro, kaj mi respondis ke li ne rehejmiĝis. Depost kiam li havas la amon en la kapo, oni ne vidas lin kvarfoje dum semajno.

HERMIA. — Kial tiuj libroj de Ĉelio estas kovritaj per polvo? Kial liaj mebloj staras senorde? Kial estas necese ke mi aranĝas ĉion en la domo de mia filo, kiam mi volas akiri ion? Ne konvenas, ke vi levu la okulojn al tio kio ne koncernas vin, kiam via laboro estas duone farita, kaj ke la taskoj kiujn oni komisiis al vi estas faritaj de aliaj. Foriru, kaj bridu vian langon.

## DEKDUA SCENO

HERMIA, ĈELIO.

HERMIA. — Nu kara infano, kiuj estos viaj plezuroj hodiaŭ?

ĈELIO. — La viaj, patrino mia.

HERMIA, interbrakiĝante kun li. — Nu! Ĉu komunaj la plezuroj, kaj ĉu ne la suferoj komunaj? Estas maljusta partigo, Ĉelio. Havu sekretojn por mi, infano mia, sed ne tiajn kiuj konsumas vian koron, kaj igas vin sensenta por ĉio kio ĉirkaŭas vin.

ĈELIO. — Mi tute ne havas sekretojn, kaj plaĉu al Dio ke, se mi havus ilin, ili estu tiaj, ke ili faru el mi statuon!

HERMIA. — Kiam vi estis dek aŭ dekdujara, ĉiuj viaj afliktoj, ĉiuj viaj malgrandaj suferoj sin ligis al mi; de unu rigardo severa aŭ indulgema el ĉi tiuj okuloj, dependis la malĝojo aŭ ĝojo de la viaj, kaj via blonda kapeto tenis per tre delikata fadeno la koron de via patrino. Nun, infano mia, mi nur estas via fratino, nekapabla eble por malakrigi viajn enuojn, sed ne por partopreni ilin.

ĈELIO. — Patrino mia! Kaj vi ankaŭ, vi estis bela! Sub tiu longa vualo, kiu ĉirkaŭas vin, la okuloj rekonas la majestan sintenadon de reĝino. Ho patrino mia! vi inspiris amon! Sub viaj duonmalfermitaj fenestroj murmuris la sono de la gitaro; sur tiuj bruaj placoj, en la tumulto de tiuj festoj, vi montris senzorgan kaj radiantan junecon. Vi neniam amis; parenco de mia patro mortis pro amo por vi.

HERMIA. — Kian memoraĵon vi vekas en mi?

ĈELIO. — Ha! se via koro povas elteni tian malĝojon, se tiel mi ne demandas larmojn de vi, rakontu al mi tiun aventuron, patrino mia konigu al mi ĝiajn detalojn.

HERMIA. — Ho ve! infano mia, pro kio tio utilas? Kian malgajan fantazion vi havas?

ĈELIO. — Mi petegas vin, kaj mi aŭskultas.

HERMIA. — Ĉu vi deziras ĝin? Via patro tiam neniam estis vidinta min. Kiel boparenco de mia familio,li prenis sur sin, la taskon akceptigi min la peton de la juna Orsini, kiu volis edziĝi je mi. Li estis akceptita kiel meritas lia rango, de via avo, kaj enkondukita en nian intiman rondon. Orsini estis bela partio, kaj tamen mi rifuzis. Via patro, pledante por li, mortigis en mia koro la malmultan amon kiun li sentigis al mi dum du monatoj da konstantaj amindumaĵoj. Mi ne konjektis la forton de lia pasio por mi. Kiam oni sciigis al li mian respondon, li falis, senkonscia, en la brakojn de via patro. Tamen longa forrestado, vojaĝo kiun li faris poste kaj per kiu li pligrandigis sian riĉaĵon, forigis liajn suferojn. Via patro ŝanĝis la rolon kaj petis por si kion li ne povis akiri por Orsini. Mi amis lin sincere, kaj la estimo, kiun li inspiris al miaj gepatroj, ne permesis al mi ŝanceli. La edziĝo estis decidata la saman tagen, kaj la preĝejo malfermiĝis por ni kelkajn semajojn poste. Orsini revenis je tiu tempo. Li venis al via patro, lin superŝutis per riproĉoj kulpigis lin, ke li perfide rompis lin kaj ke li kaŭzis la rifuzon kiun li estis suferinta. Cetere, daŭrigis li, se vi deziris mian pereon, vi estos kontentigita. Teurigite pro tiuj paroloj, via patro kuris al la mia kaj petis lian ateston por elerarigi Orsini. — Ho ve! estis jam tro malfrue; oni trovis en lia ĉambro la junulon, trafitan per glavopiko.

ĈELIO. — Ĉu li tiel mortis?

HERMIA. — Jes, ege kruele.

ĈELIO. — Ne, patrina mia, ĝi tute ne estas kruela, la morto kiu alportas helpon al senespera amo. Mi nur piendas lin pro tio, ke li kredis sin trompita de sia amiko.

HERMIA. — Kio okazas al vi Ĉelio? vi deturnas la kapon.

ĈELIO. — Kaj vi, patrino mia, estas kortuŝita. Ha! tiu rakonto, mi rimarkas ĝin, estis malfacila por vi. Mi malprave petis ĝin de vi.

HERMIA. — Ne pensu pri miaj suferoj, estas nuraj rememoroj. La viaj multe pli kortuŝas min. Se vi rifuzas kontraŭstari ilin, ili vivos longtempe en via juna koro. Mi ne demandas vin, ke vi diru ilin al mi, sed mi vidas ilin ; kaj ĉar vi partoprenas la miajn, venu, klopodu ni por defendi nin. Hejme estas kelkaj bonaj amikoj, ni provu distri nin. Klopodu ni por vivi, infano mia, kaj ni gaje rigardu kune, mi la estintecon, vi la estontecon. — Venu. Ĉelio, donu la manon al mi.

DUA AKTO.

UNUA SCENO.

PIPPO, OKTAVO.

OKTAVO. — Ĉu vi ne diris, ke li rezignis ?

PIPPO. — Ho ve ! malfeliĉa junulo ! Li amas pli ol iam ! mi preskaŭ kredus ke li malfidas vin, ĉion kio ĉirkaŭas lin.

OKTAVO. — Ne, je la ĉielo ! ne rezignos mi ! Mi sentas min mem alia Mariano, kaj estas plezure esti obstina. — Aŭ Ĉelio sukcesos, aŭ mi ne plu estos Oktavo!

PIPPO. — Ĉu vi agos kontraŭ lia volo ?

OKTAVO. — Jes, por agi laŭ la mia, kiu estas ĝia pli maljuna fratino, kaj por sendi al la infero lian moŝton Klaŭdion, la urbestron, kiun mi abomenas, malestimas kaj malamegas de la piedoj ĝis la kapo.

PIPPO. — Transdonu mem vian respondon al li, ĉar jen li ; kaj miaflanke, mi ĉesas okupi min pri la afero.

DUA SCENO.

OKTAVO, ĈELIO

OKTAVO. — Ĉu vere, Ĉelio, vi rezignas la batalon ?

ĈELIO, tenante libron en la mano. — Kion vi volas, ke mi faru.

OKTAVO. — Ĉu vi malfidas min ? Jen vi estas pala kiel neĝo. De kie vi venas ?

ĈELIO. — De mia patrino.

OKTAVO. — Kial tiu malgajeco ?

ĈELIO. — Mi ne scias. Pardonu, pardonu al mi, vi faru kion vi volos ; iru al Mariano, diru al ŝi ke min trompi estas min mortigi, kaj ke mia vivo kuŝas en ŝiaj okuloj.

OKTAVO. — Ho ! diablo kion vi intencas fari kun la morto ? Pro kio vi pensas pri ĝi ?

ĈELIO. — Amiko mia, mi havas ĝin antaŭ la okuloj.

OKTAVO. — Ĉu la Morto ?

ĈELIO. — Jes, la Amo kaj la Morto.

OKTAVO. — Kion tio signifas ?

ĈELIO. — La Amo kaj la Morto, Oktavo, iras mano ĉe mano ; tiu estas la fonto de la plej granda feliĉo kiun la homo povas renkonti surtere ; ĉi tiu finas ĉiujn dolorojn, ĉiujn suferojn.

(Daŭrigota).

# Bibliografio

HO, TIUJ FREMDULOJ ! Opereto en unu akto, originale en Esperanto verkita de Feliks Hiller (Esperanta librotrezoro, nr. 3). 1923. Eldonejo J. Ŝapiro, Lipowa 33, Bialystok (Polujo). 52 paĝoj : 16.5 × 11,5 cm. Prezo : Sv. Fr. 0.70.

Teatraĵo facile ludebla en Esperanto-festoj. La libreto ankaŭ enhavas la muziknotojn de ses kantoj : « Verdstela marŝo », « Kun la Verda Stel'..... », « Amu min », « Balado pri Luno », « Esperantista Valso », « Valso pri majo ».

XVIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, WIEN 1924: 12 paĝa prospekto 18.5 × 11.5 cm., ilustrita, senpage havebla de la L. K. K. en Vieno.

BES-a ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj landoj. Eldonita de la Ĉehoslovaka ESPERANTO-SERVO, Inĝ. B. Molnar Praha II, Zitna 44, 14,5 × 11 cm. Prezo 1 Sv. Fr.

AMAJ POEMOJ, de Jaume Grau Casas, Barcelona, 1924. 17 × 12 cm. Prezo ne montrita. Presejo : Vinyals de Sarria. Kolekto de 18 belaj amaj poeziaĵoj: 10 originale verkitaj, 8 tradukitaj el la kataluna lingvo.

LA MORTO DE LA DELEGITO DE U. E. A. Originala komedio el la vivo de Esperantistoj, de Nikolao Hohlov. (Biblioteko de la Konkordo Nr. 1) 1924. Presejo: C. Albrecht, Zagreb, Jugoslavio, 36 paĝoj: 11,5 × 15 cm. Prezo : Sv. Fr. 0,40.

Tiu ĉi simpla sed tre amuza komedio unuakta sendube havos sukceson en ĉiu festo. Ĝi estas facile ludebla ankaŭ de ne profesiaj aktoroj.

TURO POR FALI, Malgranda rakonto originale verkita en Esperanto kun Japana traduko, de Vasili Eroŝenko. Suplemento al « La Verda Ombro» de F. E. S. Julio 1923. Nro 2. 16 paĝoj: 12 × 17 cm Ricevebla de la redaktoro S. Ren, Taihoku, Formoso, Azio.

MODERNAJ ROBINZONOJ EN LA SIBERIA PRAARBARO, de Dro Teodoro Schwartz. 1924. Eldono de « Literatura Mondo ». Presejo : Globus Presart-instituto, Akcia Societo, Budapest. 1924. 88 paĝoj: 16 x 12 cm.

Plej interesa rakonto el la vivo de militkaptitoj en Siberio dum la lasta militado. La lingvo uzita estas plej flua. Ni rekomendas la legadon de tiu literatura verketo, per kiu oni sekvos kun emocio la aŭtoran en lia aventurplena migrada vivo.

FIRST STEPS IN ESPERANTO, A simple Textbook for English-speaking Beginners, bij Montagu C. Butler, Second Edition revised and enlarged. Obtainable from, The British Esperanto Association, (Incorporated). 17 Hart street, London, W. C. 1. 160 paĝoj : 18 x 12. Prezo : 9 pencojn.

Tiu ĉi lernolibro ne plu bezonas nian laŭdon. Plej granda pruvo de ĝia taŭgeco estas la rapida elĉerpiĝo de la unua eldono.

DEZIRAS KORESPONDI :

— S-ro Louis Markovitz, Co. The Export Diamond Co., 21, Americastr., Georgetown-Demerara (Brita Guiano).

— F-ino A. Venderova, 4uĉ, ulica Ptiĉia, dom N. 33 (buv. Filatova) Astrahanj (Rusujo), pri vivmanieroj, moroj kaj kutimoj.